2.ª Ep. AÑO V, (159) ENERO-FEBRERO 1967




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# 28ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Mi demandis anĝeleton
Pri la Paradiza vojo
Kaj li diris: Sekvu Ebro-n
Haltu vin en Zaragozo

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Str. Torre Nueva, 30, 1.º ZARAGOZA

Redacción y Administración:

Secretaría: Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.

Direktoro: Domingo Martínez Benavente

ADRESOJ:

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.º
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.º Marina Moreno, 35, 4.º Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.º
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Arce, 8
CORNELLÁ (Barcelona) Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.º Marina Moreno, 35, 4.º dcha.

Ĉekkonto: n.º 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 100 ptojn.



DONATIVOS PARA BOLETIN — 1967

| | | Pts. |
|---|---|---|
| S. Arizmendi | Eibar | 100 |
| J. Roig | Barcelona | 25 |
| S. Alberich | Barcelona | 25 |
| F. Alsina | Barcelona | 25 |
| M. Alsina | Barcelona | 25 |
| T. Elizondo | Bilbao | 25 |
| C. Oalla | Bilbao | 10 |
| A. Pastor | Bilbao | 100 |
| A. Alonso | Pontevedra | 100 |
| M. Manteca | Icod de los Vinos | 56 |
| Familia Criach | Sabadell | 150 |
| P. Moreno | Madrid | 50 |
| M. Ruiz Maza | Madrid | 25 |
| J. Aragay | Barcelona | 50 |
| S. P. Arranz | Madrid | 100 |
| M. Tarragó | Almatret | 25 |
| J. Arroyo | Cartagena | 25 |
| J. Serra | Botarell | 50 |

## deziras korespondi...

HISPANUJO. — La Grupo Esperantista «ATENEO JOVELLANOS» el Gijón (Asturias) okazigos MURAN KALENDARAN EKSPOZICION dum la monato Marto. Sendu ilin amase! Uzitaj ankaŭ validas.

U.S.S.R. — Krivoj Rog-51, Dovostrebovarija, Ucrania, S-ro. Jurij Kotikov deziras korespondi kun hispana samidean(in)o. Lia intereso estas la hispana lingvo.

JAPANUJO. — Tokio, 143 Gekko-cho, Meguro-ku, ĉe F-ino. M. Imada, F-ino. C. Yamamoto deziras korespondi kun juna hispana samidean(in)o.

ĈEĤOSLOVAKIO. — Ostrava-Poruba. Zápotockého, 1001. S-ro. Milan Neuvirth, serĉas korespondanton en Hispanio. Lia intereso estas la hispana lingvo.

ĈEĤOSLOVAKIO. — Nizkos 25, dis. Zdar nad Sázavon, S-ro. Jan Kaspárek, 34 jara, terkulturisto, katoliko, deziras korespondi kun hispanaj samideanoj.

HUNGARUJO. — Tokod, Fatelito, S-ro. Villányi Rezso deziras korespondi kun hispana samidean(in)o kaj interŝanĝi hispanajn kontraŭ hungarajn poŝtmarkojn.

Mendu jam:

- Poŝtkartojn kaj glumarkojn de nia XXVIIIa Kongreso de Esperanto.
- Poŝtk. 2 ptoj. po ekz.; Glumark. 1,50 folieto.
- Poŝtk. la J. I. K—alegorio, 6 ptojn. deko.
- Kovertojn kun la teksto "Esperanto-La Lengua Internacional", 5,00 ptojn. deko.

# TRIUMFA MARŜO

el RUBEN DARIO (1867-1967)

Jam venas venkintoj!
Jam venas venkintoj! Jam sonas la helaj trumpetoj.
La glav' anonciĝas per brilaj lumjetoj:
Jam venas — or', fer — sekvantar' de l' heroaj luktintoj!

Ĝi pasas sub arkoj de blankaj Minervoj kaj Martoj garnitaj,
Sub arkoj triumfaj, ĉe kiuj stariĝas de l' Famoj la longaj trumpetoj,
La gloro solena de l' flagoj militaj,
Portitaj de manoj fortikaj de bravaj atletoj.
Aŭdiĝas tintad', kiun faras armiloj de l' gloraj rajdistoj
Kaj ankaŭ buŝaĵoj morditaj de fortaj militaj ĉevaloj,
La teren frapantaj hufŝtaloj
Kaj la tamburistoj
La takton batante laŭ ritmoj kuraĝaj;
Jen pasas la brav-militistoj,
Jen pasas sub arkoj omaĝaj

El helaj trumpetoj subite radias son sagoj,
La kanta sonoro,
La varma brilhoro
Per tondr' envolvanta el oro
Majestan fieron de flirtaj la flagoj.

Sonoras trumpet' pri batal', venĝinklino
Malglataj kolharoj,
Pri lanc kaj pikilo, pri hirtaj tufaroj,
Pri sang' disverŝita—heroa karmino—
Sur tero,
Pri l' nigraj hundaroj
Pelitaj de l' Mort' por milita prospero.

La hela sonoro
L'alvenon atestas
Triunfan de l' Gloro;
El pinto montara, sur kiu ĝi nestas
Rapidas la bando kondora, fendanta
L'aeron sagfluge. Jen venk' alvenanta!

Jam pasas l' anaro.
Heroojn av' montras al nepa l' okulo,
Ĉirkaŭe de l' ora buklaro
Aperas neĝbarbo de la maljunulo.
La belaj virinoj florkronojn plektadas,
El sub la portikoj rozvangoj aperas;
Plej ĉarma el ili oferas
Rideton al vir', kiu plej fieradas.
Kaptinton de l' flag' malamika honoru!
Honoru vunditojn, honoru glorcelajn
De mano fremdula buĉitajn soldatojn fidelajn,
Trumpet': glorsonu!

La glavoj ŝatindaj de tempoj senmortaj
El siaj teniloj sin klinas al novaj la kronoj kaj laŭroj:
La glavoj maljunaj de la grenadistoj, ol ursoj, pli fortaj
Kaj fratoj de tiuj lancistoj, estintaj centaŭroj.
Militaj bloviloj trumpetas;
Aer' voĉoplene tremetas...
—Al glavoj maljunaj militaj,
Al gloraj armiloj meritaj,
Simboloj de famaj la agoj-
Al sun' heliganta la venkoj de nunaj la tagoj,
Al estro heroa fierajn junulojn gvidanta;
Al tiu amanta l' insignon de patra la tero,
Al kiu venkadis, armaĵe kovrita, kun glavo frapanta,
La sunon de ruĝa somero,
La neĝan blovadon de frosta vetero,
La prujnon glacian,
La nokton, malamon kaj morton, por landa honor',
Saluton elsendas trumpetoj bronz-voĉe ludantaj la himnon nacian
De l' glor'! ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ... ...

*El hispana lingvo samritme tradukis kaj kore dediĉas al Frateco en la XXV.ª datreveno de ĝia starigo.*

*VICENTE INGLADA*
*la 3-an de julio 1933*

La Generala Konferenco de UNESCO, kiu finiĝis la 30-an de novembro 1966 en Parizo decidis rekomendi al la Generala Direktoro de UNESCO esplori la eblecojn dum la laborperiodo 1969-1970 per eksperta komisiono studi la bezonon kaj la eblecojn utiligi internacian lingvon apud la naciaj lingvoj por diversaj sferoj de la homa aktiveco. La demandon oficiale levis Danujo, Finnlando, Islando, Norvegujo kaj Svedlando.



La Prezidanto de H. E. F. esprimas al la Urbestra Moŝto de San Feliu de Codinas (Barcelona), sian dankon, okaze de inaŭguro de strato D-ro. Zamenhof.



**Niaj pioniroj...**

# José Anglada Prior

Jen unu el la plej malnovaj esperantistoj nun vivantaj. Samideano Josefo Anglada naskiĝis en Barcelono en 1893. Li lernis Esperanton en 1908. Li lernis ankaŭ Francan, Anglan kaj Germanan lingvojn, stenografion, librotenadon kaj aliajn studaĵojn rilatajn al la Komerco. Pli malfrue li ankaŭ studis Socian Sciencon, kaj li estas licenciato de la Henry George Lernejo pri Socia Scienco, lernejo diplomita de la Universitato de la Ŝtato Novjorko. Lia agado por Esperanto estis sufiĉe vasta. Li gvidis Esperanto-Kursojn en Grupoj kaj per korespondado, verkis artikolojn, faris prelegojn, direktis bultenojn, k.t.p. Li verkis kaj eldonis «Gramática, Ejercicios y Diccionario de Esperanto», verko, kiu instruas ne nur la lingvon, sed ankaŭ la fundamentojn de Esperantismo; «Projekto por Organizado de la Tutmonda Esperantistaro» (baze de U.E.A.), kiu estis premiita en Internacia Literatura Konkurso, kaj fine «El Sistema Fiscal y la Condición de las Clases Trabajadoras» (La Imposta Sistemo kaj la Stato de la Laboristoj), memuaro, kiun premiis la Reĝa Akademio de Moralaj kaj Politikaj Sciencoj, el Madrid, kaj kiu estis adoptita kiel lernolibro en Hispanlingvaj kursoj de la Henry George Lernejo pri Socia Scienco, el Novjorko.

Kaj jen la respondoj, kiujn donis Samideano Anglada al niaj kutimaj demandoj:

1.—*Kie kaj kiam vi kontaktis kun Esperanto kaj eklernis ĝin?*

En mia naskiĝurbo Barcelono, en la jaro 1908, mi memlernis Esperanton per kurso publikigita en semajna gazeto kaj per la broŝuro «Todo el Esperanto y el modo de aprenderlo leyendo una pequeña historia».

2.—*Kiu estis la ĉefa faktoro, kiu instigis vin lerni Esperanton?*

Emo al la lernado de lingvoj, mondcivitaneca sento kaj estimo de interhomaj pacaj rilatoj.

3.—*Laŭ via opinio, kiu estas la ĉefa celo de internacia helpa lingvo?*

Ŝpari al la homoj la tempon kaj memoron, kiun postulas la kreskanta bezono lerni fremdajn lingvojn por la internaciaj rilatoj kaj por la studado de sciencoj kaj teknikoj, tempon kaj memoron, kiujn ili povos dediĉi al la lernado de tiuj konoj, ne forgesante la sciecojn moralajn kaj politikajn, la solaj, kiuj povas montri la vojon al daŭra paco kaj ĝenerala progreso.

4.—*Kion vi —spertulo— konsilus al la esperantista aro por pliviglig kaj pligrandigi nian movadon?*

Peti al la Universala Esperanto-Asocio, ke ĝi entreprenu kampanjon por atingi, ke ekzistu en ĉiuj urboj kaj vilaĝoj de la mondo almenaŭ unu esperantisto po mil loĝantoj, kaj ke la Delegitoj de U.E.A. havu la nomojn kaj adresojn de ĉiuj geesperantistoj el sia regiono. Ĉar nun en la plej multaj vilaĝoj ekzistas neniu esperantisto, la graveco de tiu aranĝo ne bezonas klarigon.

5.—*Post via longa vivo esperantista, kian mesaĝon vi transdonus al la nuntempaj esperantistoj?*

Mia mesaĝo estas eksterordinara kaj tial ĝi bezonas klarigon. La fruaj esperantistoj havis plenan fidon je la realigebleco de la paco per la alpreno de internacia helpa lingvo, kaj pro tio Esperanto disvastiĝis pli rapide en la komenco. Oni rimarkis poste, ke la komuneco de lingvo ne sufiĉas por ke la homoj sentu sin solidaraj, kaj la manko de la frua instigilo kaŭzis ke Espe-



# KURIOZA FAJFPAROLO DE KANARIAJ INSULOJ

*Antonio Benítez Hernández*

Okcidente kaj sub ombro de Tenerife staras, sieĝite de Atlantika Oceano, la dua plej malgranda insulo el kiuj konsistigas Kanarian Arkipelagon. Kiam oni rigardas el Tenerife al kelk-kilometra fora insulo Gomera, okulduono sufiĉas por vidkapti ĝian tutan amplekson. Rigardata el fluganta aviadilo, ĝi ŝajnas kunfandiĝo de volbaj montpufoj brunaj apudrande zigzagfenditaj. De surtere tiu bildo konvertiĝas je profundaj ravinoj ĉizitaj inter montoj.

Diserigite sur tiuj 378 km² da tantalizita orografio vivas preskaŭ 35.000 insulanoj, kies ĉefa okupo estas bovinbredo kaj agrikulturo, tie kie Naturo tion permesas, kaj fiŝkaptado. (Ĉu vi neniam gustumis gomeran kaviaron?). Tamen ĉio ĉi ne tiom altiras atenton de vizitantoj kiom eksterordinara fajfparolo tie uzata, kiu estas admircelo ne nur de eksterlandanoj sed ankaŭ de loĝantoj de aliaj insuloj.

Oni ne kredu ke tiu fajfparolo estas simpla kodo; en ĝi, ĉiu vorto havas ekvivalencan tradukon al fajfsono. Do ĝi perfekte utilas por konversacii kiam mezestas longa distanco, aŭ kiam interproksimiĝo de parolantoj ne estas facila. Eble, la jam cititaj orografiaj cirkonstancoj estis ĉefa motivo de kreiĝo kaj postvivo de tiu eksterordinara rimedo por interkomuniko. Ofte por iri de unu loko al alia proksima, oni bezonas fari longan ĉirkaŭmarŝon, ĉar krutegaĵoj kaj ravinoj tute malebligas normalan iradon, kaj se ekestas bezono paroli kun preterpasanto, fajfado estas pli facile aŭdebla ol basa elgorĝa sono de komuna elparolo, plie se atmosferaj kondiĉoj ne estas favoraj.

Por generi fajfsonoj, ili enbuŝigas ambaŭ montrofingroj kaj kun la helpo de lipoj, lango kaj laringo, modulas la sonojn estigatajn. Eĉ vortojn ne apartenantajn al uzkutimo de fajfparolanto povas esti fajfparolataj.

Plurfoje oni provis traduki tiujn sonojn al muziknotoj, sed pruviĝis aŭ ne eble aŭ preskaŭ neeble, ĉar krom muzikajn ecojn, ĝi enhavas «ion alian» ne muziknoteblan.

Nuntempe, la fajfjarolo postvivas nur inter kamparanoj. Tamen tiu ĉi kurioza fajfparolo grandpaŝe tendencas estingiĝi. Bedaŭrinde oni preskaŭ neniom studis tian kuriozan parolon; kaj ju pli tempo pasas des pli malfaciliĝos ĝia koniĝo, ĉar, kiel dirite, jam restas nur malplimulto scipovanta tiun eksterordinaran kaj multfoje oportunan parolmanieron.

## BABELTURO

La eldonisto Robert Laffont returne Meksikio atendis aviadilon kiam deĵoristino aliris lin kaj lin demandis angle.

— Ĉu vi estas Mr. Tiu kaj Tiu? Mi kunportas mesaĝon por li.

— Mi ne komprenas vin —respondis france, Mr. Laffont.

— Do vi ne estas kiun mi serĉas —diris la deĵoristino ridetante ĉar vi estas usonano.

— Mi ne komprenis vin ĉar mi opiniis ke vi parolis hispanlingve —tiam diris angle Mr. Laffotn.

— Ĝi ne estas strange —respondis la deĵoristino— ĉar okazas ke mi estas germanino.

Definitive, lingva kirlaĵo pli kaj pli disvastigata.

Ĉu solvo? Eble Esperanto, estu parolata france, hispane aŭ angle akcentita.

*El L' Express*

---

ranto nun disvastiĝas proporcie malpli rapide ol en la komenco. Oni bezonas do revigligi la internan ideon, kaj tio estas ebla nur se la geesperantistoj lernus Georgismon, t.e. la Socian Sciencon, kiu montras kiel la interesoj de la homoj estas komunaj.Senpaga koresponda kurso de Fundamenta Ekonomiko kaj Socia Filozofio, en la Hispana lingvo, estas havebla de «Henry George School of Social Science, 50 East 69th St., New York, N. Y. 10021». Mi estas certa, ke se la geesperantistoj sekvus amase mian konsilon, tio tre revigligus la fidon je la interna ideo de Esperanto, kaj multe akcelus ties disvastiĝon.

## NEKROLOGO



# Daniel Llorens Sastre

La Federación Española de Esperanto, de nuevo ha sufrido una gran pérdida, con el fallecimiento del que fue su Presidente, don Daniel Llorens Sastre.

Verdadero pionero del ideal esperantista, reciente está el haberlo presentado como tal, en las páginas de BOLETIN.

Aun cuando nacido en la provincia de Alicante, todos le conocimos como esperantista valenciano, allá por los años 20 cuando ejercía su profesión de médico en Pedralba, y después en Valencia. Al enterarse de que por petición de los esperantistas de Graz (Austria), los esperantistas españoles organizaban la traída a España de unos cientos de niños, víctimas inocentes de la Gran Guerra, se unió desde el primer momento a esta labor de Paz, Fraternidad y Amor, encarnada en la idea interna de nuestro movimiento esperantista. Formó un Comité Local en Pedralba para que se pudieran recibir niños, y él estuvo al cargo de ellos durante su permanencia allí.

Después, su labor esperantista la desarrolló en Valencia, donde ejercía de médico, y donde tuvimos la satisfacción de saludarle durante las jornadas de celebración de nuestro Congreso Jubilar en el año 1964.

Con la pena que se siente al ver desaparecer de entre nosotros a uno de los mejores, rogamos a los samideanoj una oración o un recuerdo para el que en vida fue gran esperantista, hombre de corazón y en consecuencia bueno para con todos.

A su viuda y al Grupo Esperantista de Valencia, enviamos la expresión de nuestra más sincera condolencia.

---

# Teresa Sala de Bometón

También el Grupo Esperantista de Sabadell ha sufrido la pérdida de uno de sus miembros. El 20 de diciembre de 1966, falleció, en plena juventud, Teresa Sala de Bometón.

A su familia y en especial a su padre, nuestro querido amigo don Juan Sala Campamá, enviamos el testimonio de nuestro sentido pésame.

Ni ricevis kelkajn kronikojn kiujn ni publikigas, raportante kiel oni solenis kaj festis la datrevenon de la Aŭtoro.

## BARCELONA, KLUBO DE AMIKOJ DE LA UNESCO

La 17an. Sabaton. — Kunveno de la Esperanta fako. Celebro de la Zamenhof-tago. Tago de la libro en Esperanto.

1e. Oni prezentos al niaj membroj kaj simpatiantoj eksterordinaran ekspozicion de libroj en Esperanto sin montrante inter alie, la kolekto —Oriento-Okcidento— eldonita lastatempe sub la aŭspicioj de Universala Esperanto Asocio en konsultaj Rilatoj kun Unesco.

2e. Nia poeto Sro. Francisco Vilá, parolos pri la vivo kaj idealo de Zamenhof.

3e. La eminenta Esperantisto Sro. Giordano Moya, prelegos en Esperanto pri la temo —La interna Ideo—.

(Tiu-ĉi informo estas kopio de programo preparita antaŭ la okazigo de la supre diritaj eventoj.)

## SABADELL, KULTURA EVENTO

La 18an. de decembro en rememoro de la 107a. naskiĝdato de Dro. Zamenhof kaj organizite de la Esperanto-Klubo de Sabadell, samideano Ramón Molera Pedrals, Ĉef-delegito de Universala Esperanto-Asocio por Hispanujo, prelegis helpe de diapositivoj en la nova aŭditorio de la loka institucio «Caja de Ahorro de Sabadell» pri sia vojaĝo al Budapesto, okaze de la pasinta Universala Kongreso de Esperanto 1966. — V. HERNANDEZ LLUSERA,

## TENERIFE

La Esperantista Societo de Tenerife, okaze de la Zamenhof-tago, organizis kulturan kaj propagandan programon.

Ĉi-jare la 18-an. de decembro la Societo aranĝis ekskurson al Puerto de la Cruz, kie okazis la publika ago, kaj kie poste la esperantistoj kune, tagmanĝis en samideana restoracio.

Prelegis la Prezidanto de la Esperantista Societo de Tenerife S-ro. Manuel Manteca López, kaj la honora emerita Prof. D-ro. Jesús Maynar Duplá. Kune kun ili sidis ĉe la podio D-ro. Régulo Pérez, kiu ilin dankis.

La tuta aranĝo estis vere sukcesa kaj elvokis aproban eĥon kaj intereson.

## BILBAO

Por festi la Zamenhof-tagon la Grupo Esperantista de Bilbao organizis kulturan programon.

15-an. — Je la oka vespere la Prezidanto de la Societo S-ro. Luis de Otaola Faón malfermis la aranĝojn. Tuj sekve, S-ro. Julio J. Juanes prelegis en Esperanto pri «ZAMENHOF». Ja interesa estas la temo, kaj ni ĝuis unufoje pli lian elokventecon kaj lertecon por prezenti la Majstron.

Entuziasma aplaŭdado premiis lian disertacion.

16-an. — S-ro. Delfín Ronda —je la 8,30ª— preelegis pri «LA LENGUA INTERNACIONAL».

Profesoro de la supera kurso de Esperanto, lia prelego estis vera leciono por ĉiuj.

La ĉeestantaro varme aplaŭdis je la fino kaj gratulis S-ron. Ronda.

17-an. — Je la 8,30ª vespere, koncerto.

Unu plia sukceso de Polifónica Euskalduna de Bilbao.

18-an. — Post la Sankta Meso ĉe la Katedralo, je la 12,30ª la samideanoj



kunvenis en la societa ejo, kie okazis la prezentado de diapozitivoj el Finnlando, kaj la ĉeestantoj estis regalitaj per aperitivo. Je la dua posttagmeze la bilbaoaj esperantistoj festis la eventon per frata tagmanĝo en fama restoracio.

## VALLADOLID, FESTO DE ZAMENHOF KAJ OMAĜO AL SRO. CANTALAPIEDRA

La dimanĉon 18an. de decembro, en Valladolid, okazis duobla festo. Okaze de la tago de Dro. Zamenhof, fondinto de la Internacia Lingvo, ni kore omaĝis nian pioniron Sron. Mariano Cantalapiedra, fondinto de la Grupo «Fido kaj Espero» de nia urbo.

Kompreneble, en tiu-ĉi tago kuniĝis preskaŭ la tuta gesamideanaro kaj simpatiantoj, ĉar ĉiuj konas la grandan kaj meritan laboron faritan de Sro. Cantalapiedra favore al Esperanto; unue kiam en Valladolid ne ekzistis ankoraŭ Esperanto-Grupo kaj poste kiam kun lia merita kaj konstanta ĉiu-taga laboro sukcesis formi grupon kaj pligrandigi ĝin fekunde.

Tial la Grupo «Fido kaj Espero» festis la naskiĝdatrevenon de Dro. Zamenhof kun unueco kaj fraterna ĝojo. Matene je la 12a. en la Kapelo de «Las Esclavas» oni celebris Sanktan Meson kun predikado en Esperanto fare de la Sacerdoto Jonas Castro (Ikueano) kie ĉeestis granda amaso da personoj.

Sekve en nia sidejo oni gustumis aperitivon kun agrabla kaj amika etoso.

Je la 2a. en grava restoracio kuniĝis 45 personoj en frata manĝado, poste la Prezidanto de la Grupo Gonzalo Castañón rememoris per sentemaj vortoj la laboron de Sro. Cantalapiedra dum la malfacilaj komencoj de nia Grupo kaj lian konstantan laboron poste, instruante la Internacian Lingvon. Je la fino de sia parolado, la Prezidanto de la Grupo donacis al li, nome de ĉiuj, grupanoj arĝentan memoraĵon. La omaĝito respondis per emociaj vortoj dankante la omaĝon kaj esprimante sian sincerecon en la laboro, kun la nura celo disvastigi Esperanton kaj neniam gvidata de propraj celoj. Li montris sian ĝojon pro la fekundeco de la semo kiun li ĵetis kaj de kiu hodiaŭ ni vidas la fruktojn.

Sekve oni legis diversajn telegramojn kaj poŝtkartojn ricevitajn de gesamideanoj el aliaj urboj, inter ili unu tre afabla sendita de la Prezidanto de HEF; Sro. Antonio Gamboa, legis humoran poemon dediĉita al Sro. Cantalapiedra dankante la laboron kiun li kaj aliaj samideanoj disvolvigis en la Esperanta instruado. Same parolis Sro. Jacinto Urueña kiu legis poemon al la Internacia Lingvo kaj Sro. Sastre Lago laŭdante la simpatiantojn de Esperanto.

Kaj kiel lernanto de la lasta kurso Sro. Escobar kantis diversajn regionajn kanzonojn, kaj diris kelkajn vortojn Sino. Celia Puertas.

La festo finis kun la deklamo de la poemo «La Klauno» de la juna Esperantisto Sro. José Manuel Carvalho kiu kune kun la membro Oscar María Potente sonbendigis entuziasme ĉiujn aktivaĵojn.

Tiel finis en Valladolid plenigita tago kiun ni ĉiam rememoros.

Valladolid la 18an. decembron 1966. — M. R. URUEÑA.

## ZARAGOZA, SOLENIGO DE LA ZAMENHOFA TAGO

La 15an. de decembro en la Grupo Frateco oni organizis amikecan vesperon al kies partopreno estis invititaj ĉiuj gesamideanoj, ĉu membroj ĉu ne membroj de la societo, kaj se ne ĉiuj respondis al la alvoko, almenaŭ la nombro da ĉeestantoj estis rimarkinda.

Oni ludis per diskoj Esperantajn kantojn, paroladojn kaj poeziojn; intertempe la gesamideanoj babiladis esprimante la ĝojon kiun ili sentas en tiu tago dediĉita al la Fondinto. Ĉe la fino de la festo la vizitantoj estis regalitaj de frandaĵoj.

La 17an. de decembro, Dro. Fernando de la Puente prelegis en la Provinca Palaco kun la temo «Svisio-Hungarujo» okaze de sia vojaĝo tra Eŭropo por ĉeesti ambaŭ kongresoj tiu de IKUE kaj tiu de UEA.



# RECUERDO

## Conchita Soler

Ante las manifestaciones de sentimiento recibidas en Secretaría de la Federación, con motivo del fallecimiento de Conchita Soler, hemos creído interpretar el deseo y sentir de los esperantistas españoles —sobre todo de aquellos que más asiduamente asisten a los Congresos—, dedicando al recuerdo de Conchita este pequeño espacio. De temperamento activo y complaciente, siempre estaba dispuesta a prestar su ayuda sin dar ninguna importancia a sus actos. Como muy bien decía de ella un prestigioso y respetado esperantista valenciano; Conchita ha dejado un vacío en nuestras filas muy difícil de llenar. ¡Era insustituible! Y yo añado: era perfecta colaboradora...

D-ro. Zamenhof nos señaló como deberes que no debíamos olvidar, «la espero, la obstino kaj la pacienco», los tres estaban siempre vivos en la mente y en el corazón de nuestra amiga. Con paciencia, que muchas veces le envidiábamos, era constante en su labor de proselitismo, llevando en el corazón la esperanza del triunfo en un mundo mejor.

---

Li akompanis la tutan paroladon per projekcio de diapozitivoj kiuj montris la diversajn urbojn, lokojn kaj vilaĝon, kiuj estis renkontitaj laŭlonge de la trairo, ĉar ni devas klarigi ke Sro. de la Puente faris la veturadon per sia aŭtomobilo.

Tre interesaj estis la klarigoj pri la diversaj artaj verkoj kaj monumentoj, kiujn oni povas admiri en tiuj tradiciaj kavazaŭ legendaj mez-Eŭropaj regionoj, kun iliaj senmakulaj blankaj montaroj, trankvilaj lagoj kaj riveroj, densaj arbaregoj kaj alloge gajaj ĝarden-kampoj.

La fotokolekto de Sro. de la Puente estis diversa, de la simpla modesta dometo en la mezo de valo, ĝis la impone majesta katedralo, kiu invitas al silento kaj meditado.

Li akcentis la trafajn komentariojn, pri la situacioj kaj lokoj kiuj meritis specialan atenton por la publiko, kiu de la komenco ĝis la fino, preskaŭ akompanis lin en la vojaĝo.

Por la ne Esperanta ĉeestantaro estis rimarkinda novaĵo, la fakto ke pli ol kvindek landoj estis reprezentataj en la Kongresoj kaj ĉiuj personoj parolis nur la saman ligvon.

Kiam Dro. de la Puente finis sian disertacion li longe ĵaj brue estis aplaŭdata.

La saman tagon kaj en fama restoracio la gesamidenaro kunniĝis por vespermanĝi en interfrata amikeco. — KUNLABORANTO.

## ✳ *Ni legis por vi...*

*José Hernández: Martín Fierro. Argentina eposo tradukita de Ernesto Sonnenfeld. Enkonduko de Ivo Lapenna. Antaŭparolo de Ernesto Sonnenfeld. Prezento de Julio Mafud. Apendico de Juan Régulo Pérez. Ilustraĵoj de Enrique Rapela. Kvrilo de Jan Schaap Jr. Stafeto: Belliteratura Serio,* 26. *Volumo N° 5 de la Serio Oriento-Okcidento sub aŭspicioj de U.E.A. J. Régulo, Eldonisto, La Laguno, Kanariaj Insuloj,* 1965 [1966]. 16 x 22 *cm.* 294 (2 *nenumeritaj*+292) *paĝoj. Prezo, nur tolbindita:* 3.80 *usonaj doloroj aŭ egalvaloro.*

Evidente, ĉiam reprezentas malfacilan taskon konscia traduklaboro. Des pli, tio okazas, se oni intencas kapti kaj redoni tiun sencon esprimitan laŭ tre karakteriza dialekta lingvaĵo, celante ne perfidi la intencon de la aŭtoro, precipe se per tiuj nuancoj la originalo altiras specialan atenton„ kaj se ili, vole-nevole, invitas la leganton eniri en la etoson kiu ŝvebas kaj regas ekster la kruda kaj ordinara lingva signifo.

Esperanto, kaj ĉiu ajn nacia lingvo, ne kapablas solvi absolute tiun problemon. Do ni ne miru, se oni asertas ke Ernesto Sonnenfeld ankaŭ ne kapablis malaperigi la ĉiaman ensorĉon. Certe li, pro sia altetaksata lingvodresado, konsciis pri tiu tabuo. Tamen, kuraĝe kaj efike, li entreprenis la kolosan taskon traduki la plej karakterizan kaj beletre altvaloran eposon de la argentina romantikismo, kiu temas pri la pampo kaj la moroj koncernantaj la liberan vivon de ĝiaj plej enradikiĝintaj enloĝantoj: la gaŭĉoj.

Dum antaŭparolo E. Sonnenfeld prezentas argumentadon por provi pravigi sian sintenon kaj specifajn rimedojn elpensitajn —kaj uzitajn— por solvi parton de la nekalkuleblaj malfacilaĵoj, kiujn li nepre trovis laŭlonge de la esperantigado. Tamen, oni povas plimalpli indulgeme akcepti la malmutajn licencojn, kiuj sendube helpis glatigi la bonan observadon de la ritmo, aŭ pli bone, de la metrika kalkulado. Tiuj licencoj koncernas preskaŭ ekskluzive pri diftongigo. Laŭ persona aprezado, mi ne aprobas la defendon kiun, pri ili, faras la tradukisto: ĉar adopti formojn kiel tiujn de «pjedo», «manjero», «serjoza», ktp, estas grave atenci morfologion, eĉ en poezia uzado.

La tradukisto kapablis preskaŭ redoni masive la eksterlingvan esencon de la originala lingvaĵo, per fidela identiĝo kun la mesaĝa poezio de José Hernández. Sincere dirite, la tradukita eposo estas elmontro de konstanta moviĝo, karakteraj reagoj kaj priskriboj kiuj sentimentale plivalorigas ĉion, kio rilatas al la gaŭĉo kaj lia preskaŭ paria destino. Jen do vojo de fideleco al la originala verko. Jen do kial la tradukisto kapablis ĵongli per plej ĝusta kaj trafa Esperanto-materialo: serĉante entuziasme la aŭtentikecon de sentimentoj. Li tiel esprimis, kiel eble plej fidele, la animan puŝforton de la mirinda verko. Do Sonnenfeld, sukcesis anstataŭi la raran dialektan oraĵon, en arĝentan identiĝon animplenan, ĉar la fervora tradukaĵo situigas la leganton en tiujn ĝustan stadion kaj atmosferon, por tiel elkomprenigi la veran dramon de la heroo —de Marteno Fierro—, kies odiseo estas tiu de la gaŭĉo, en la pasinteco, alcele de amo kaj justeco.

La tradukaŭtoro uzis indiferente kaj rimojn konsonancajn kaj asonancajn, kun efiko kontentiga kaj plenmontrita. Krome, la versoj prezentiĝas sintakse klaraj kaj kun vortsenco zamenhofa; kaj, bonrezulte, tio helpas ke la longa poemo fluu senpezece„ kaj ke la leganto povu interese ĝui laŭ maksimuma ebleco ĝian transcendon, kiu disvolviĝas tra epizodoj kortuŝaj kaj atentokaptaj, ĉar la argumento neniam stagnas, malgraŭ la rakonta tekniko kaj spite la personan kaj subjektivan «kantadon» de la protagonistoj.

Legante tiun esperantigitan eposon, kiu tiel inde kaj perfekte ebligas al la tuta mondo koni la universalan beletristikan valoron de la hispanligva originalo, mi plendis pro la bedaŭro, ke multaj naciaj ĉefverkoj ne sufiĉe diskoniĝis fame, nur pro la tradukaj malfacilaĵoj, precice se la originalo ne apartenas al tiuj lingvoj, kiujn oni iom malprave nomas mondkulturajn.

La recenzata libro enhavas enkondukon verkitan de Prof. D-ro. Ivo Lapenna, per kiu li reliefigas la jam efektivan, kaj pli eblan, eldonistan esperantistan roladon en la Granda Projekto pri la Reciproka Aprezado de la Orientaj kaj Okcidentaj Kulturaj Valoroj. Sekvas «Antaŭparolo» de la tradukisto, kaj «Prezento» de Prof. Julio Mafud. Kaj ambaŭ enkondukoj bildigas klarajn kon eptojn kaj personajn konsiderojn.

La libro finiĝas per «Apendico» de Prof. Juan Régulo Pérez —la plej entreprenema eldonisto de la nuntempa

Esperanto-Movado, kaj eldonisto de *Martín Fierro*— kiu prezentas akvaforte la ĉefajn biografiajn trajtojn de la aŭtoro, la granda poeto José Hernández.

Resume, oni devas diri ke la volumo estas altvalora laŭ ĉiu aspekto, jen beletra, jen traduka, jen eldona. «Estafeto» denove prezentis al la esperantistaro veran juvelon, skrupule ellaboritan. Kaj mi ne povas rezisti la tenton fini tiun recenzon citante eseajn vortojn de don Miguel de Unamuno, kiuj mi eltiras el la menciita «Apendico:» *Martín Fierro* estas, inter ĉio latinamerika, kion mi konas, la plej ĝisfunda hispana verko. Kiam pampa kantisto, sub ombro de ombuo, ĉe la senfina silento de l' dezerto, aŭ ĉe nokto trankvila sub ombro de la steloj, agordas gitare la monotonajn strofojn de *Martín Fierro*, kaj kortuŝitaj gaŭĉoj aŭskultas la pampan poezion, certe ili sentas, nescie kaj nekonscie, ke el la fundo de iliaj spiritoj ŝprucas neestingeblaj eĥoj de la praa Hispanujo, eĥoj, kiujn heredigas al ili, kune kun la sango kaj la animo, iliajn prapatroj.

*Gabriel Mora*

*TEO JUNG, La Esperanta Konjugacio. Kun pli ol mil ekzemploj plejparte Zamenhofaj. Dua Parto,* 120 *paĝoj.*

Firme mi opinias, ke estas vana la plua polemikado pri niaj participoj. Ĉio pridirebla estas jam pridirita, kaj tial tiu problemo des pli fetoras ju pli oni ĝin movas, removas kaj dismovas.

Esperanto, kiel funkcianta lingvo, estas nun esplorinda nur per rigora analizo de faktoj. Ĉio subjektiva, persona, kaj precipe kontraŭ-persona nek solvas problemojn, nek instruas, nek helpas serenigi la mensojn; tial estas bedaŭrinde, ke en tiu-ĉi dua parto, Teo Jung ankoraŭ ripetadas la konatajn Logika, Mallogika, Racia kaj similajn, kiuj pruvas nenion. Pli bedaŭrinda estas la neamikeca atmosfero, kiu sentiĝas tra la tuta libro. Konsentite, pri la jam historia merito de Teo Jung; sed mi deklaras nedisputebla la meriton de Sroj Kalocsay kaj Waringhien, du el la plej kompetentaj kaj eminentaj esperantologoj. Kaj al neniu sincerulo povas plaĉi «La Plej Grava Ĉapitro» (pĝ 209) pri Ranoj kaj Ranestroj, instiganta al maldisciplino per subkompreneblaj aludoj se ne tre sagacaj, ja tro sagecaj.

La multaj ekzemploj kompilitaj de la aŭtoro povas esti utilaj al ĉiu, kiu deziras esplori la Zamenhofan uzadon. Menciinda estas la aserto (pĝ 129) «ke 99,8 % el la Zamenhofaj konjugaciaj ekzemploj troviĝantaj en liaj diversaj verkoj, estas tempaj aŭ tempe klarigeblaj, kaj ke la restaj 0,2 % estas plejparte permeseblaj (Temas pri 2843 ekz.)

Nu, se la t.n. AT-istoj trovas konformaj 999,5 ekzemplojn el mil; kaj la t.n. IT-istoj 1000 el mil, kie kuŝus la problemo se oni imitus kiel eble plej multe la stilon de la majstro, laŭ la rekomendo de la Unua Universala Kongreso?

Per la kompilitaj ekzemploj Teo Jung celas pruvi, ke Zamenhof uzadis la participojn laŭ nur tempa maniero; ke eĉ ne du fojojn el mil li deviis; ke Prof. Waringhien eltiris el tiuj esceptoj (0,2 %) siajn regulojn. Sed Jung konfesas: «La trouzo de ITA estis konstatebla jam en la komenco de la ekzisto de Esperanto» (pĝ 147). Kaj por reliefigi la «absurdecon» de tiu ITA-uzo li prezentas (pĝ 177) absurde paradoksajn frazojn, kies konsisto, sintakse malĝusta, dubigas min pri la sincereco de lia argumentado.

Laŭ mia kompreno, *prezenca ago aŭ agoserio estas tiu, kiu ankoraŭ ne atingis sian finon aŭ rezulton*: «Skribata letero», «Li dormas». Nun, leganto, tralegu la tutan Zamenhofan verkaron kaj vi konstatos, ke *Zamenhof skribis-ATA en tiu senco kaj ja ne por diri ke la ago atingis sian finon aŭ rezulton ĉu en la sama momento, ĉu jam antaŭe, ĉar en tiu senco Zamenhof uzadis-ITA*, se necese kun tempa indiko por signi la momenton de la fariĝo: antaŭe, jam, nun, poste, pli frue... kio pruvas ke Zamenhof ne donis tempan karakteron al participoj, nek deviis de la ĵus substrekita regulo eltirita el lia uzado:

«En tiu nokto Beltŝacar estis mortigita» (Daniel 5:30) kio signifas, ke en tiu nokto oni mortigis lin kaj ne iun tagon antaŭe laŭ la regulo de Jung.

Pri la paradoksaj ekzemploj mi rimarkigas, ke ili aŭ *ne havas tempindikojn* do, nekompletaj, *aŭ konsistas el du propozicioj, kiujn disigas punktokomo*, do malĝustaj. La rilaton inter ambaŭ rivelas la kunteksto aŭ nia imago. Ĉiu povas en sia gepatra lingvo aranĝi ridindajn frazojn, sed ne konsiderindajn se temas pri serioza studo. Ni analizu «la plej paradoksan» kaj ankaŭ tiun de Prof. Waringhien: (pĝ 177,5). a) «Sur la strato kuŝis viro; liaj kruroj estis frakasitaj de bombo». b) «Sur la strato kuris viro; liaj kruroj estis frakasitaj de bombo».

La unua komprenigas, ke li kuŝis ĉar li ne povis stari; la dua, ĉar kun frakasitaj kruroj oni ne povas kuri, ke la frakaso okazis dum kurado. Nun, ni ŝanĝu fraka*sitaj* per fraka*sataj* kaj ambaŭ frazoj restas same malklaraj. Kie estus la paradokso, se oni skribus klare: a) «Sur la strato kuŝis viro, ĉar liaj kruroj (aŭ kies kruroj) estis antaŭe frakasitaj de bombo», kaj b) «Sur la strato kuris viro, kaj bombo frakasis liajn krurojn»? Se oni nepre volas paroli pasive (kion ankaŭ Jung prave malkonsilas!) pĝ 226, ni havus: «Sur la strato kuris viro, kaj liaj kruroj estis frakasitaj de bombo». Jes, frakas... itaj de eksplod... inta bombo. Jung postulas frakasATAJ; ĉu do, de eksplod*anta* bombo? Tute certe, ĉar estus malsimetrie kun -inta. Tamen, se malfeliĉe, vi, Ter-ano iam devis aŭdi... Bum!!!, vi konstatis ke subite eĉ tio plej malglata jam glitis for! La prezenca ANTA, ne tie-ĉi; eksplodo ne havas por la homa menso prezencon surtere. Ankaŭ ne sur la Luno.

La modela frazo de Prof. Waringhien tekstas: «Oni transportis lin en hospitalon, en kiu li estis operaciita» (pĝ 163). Eble, ĉar en hospitalo oni operacias nur enirintojn, Prof. W. pro stila koncizeco ne konsideris necese alskribi tempindikon, t.e. «...en kiu li POSTE estis operaciita». Kun -ITA ĉar la ago plenumiĝis. Interesa deklaro, tiu de Jung, pĝ 165: «La sama frazo, cetere estus ne tre bonstila ankaŭ kun operaciATA». Kaj li proponas operaciOTA, kio por ni estas alia historio.

Resume, por Jung *estis operaciita* estas du unuigitaj vortoj —Kvazaŭ unu sola— kun signifo de pluskvamperfekto. Por Zamenhof ili estas du sendependaj, el kiuj la *unua esprimas la tempon* (pasintan, antaŭnunan), kaj *la dua la fazon de la ago* (plenumitecon, ĉu sammomentan, ĉu pli fruan).

Se Teo Jung volus tiel analizi, li trovus ke la Zamenhofa uzado ne estas devia, nek mallogika, sed laŭsistema kaj unueca. Kaj ni povus kune aplikadi nian tempon, ne por vane debata, sed por utile profita laboro.

*Salvador Gumá*

*ELEKTITAJ PAROLADOJ KAJ PRELEGOJ.* (*Suplemento al Retoriko*). *Antaŭparolo de G. Wahinghien. Unua parto* 16 *paroladoj* 1950-1966, *dua parto prelegoj. Formato* 20 x 15, 152 *paĝoj, plaste bindita. Prezo* 44 *steloj,* 220*ptoj.*

ROTTERDAM INVITAS VIN

Faldita turisma broŝuro pri tiu fame konata haven-urbo. Per mallongaj kaj trafaj frazoj ĝi prezentas la diversajn aspektojn de la urbo, kun la plej allogaj kaj rimarkindaj lokoj.

La trairoj kaj vojoj por atingi iun definitan celon, estas klare esprimataj, same kiel la transportveturiloj, kiujn oni povas uzi en okazo de bezono.

Sur la internaj paĝoj estas plano por helpi la eblajn vizitantojn. Sen ia dubo por vojaĝi al Nederlando tiu informilo estas ege utila.

Por plia informado turnu vin al la Unuiĝo por Fremdultrafiko (V. V. V. Stadhuisplein 19, Rotterdam).

FAKTOJ PRI GERMANUJO

La nova eldono de tiu informilo pri la nuntempa Germanlando estas detala ekspozicio de ĉiuj pecoj kaj porcioj kiuj entute formas la tutan nacion, kun institucioj, registaro, formo de vivo, kaj popola evoluado. Kiel ĉiuj germanaj libroj, la aspekto estas serioze eleganta kun klaraj fotoj kaj originalaj desegnoj.

La enhavo pritraktas la antikvan historion de la lando pasante tra la mezepoko ĝis la moderna tempo, kie reliefiĝas la gravaj krizoj kiuj skuis ne nur tiu ŝtato, sed la tutan mondon.

Estas rimarkindaj la atingoj kaj alta nivelo de disvolviĝo, en la kampo de la scienco, arto, kun biografioj de muzikistoj kaj verkistoj; same kiel en la sporta fako, kie oni vidas la progresojn atingitajn de la nova generacio.

Finfine oni klare vidas la plibonigojn akiritajn lasta tempe per konstanta laborado kaj persistemo. Potenca ekonomio, aktiva vigla komerco kaj industrio, alta kulturnivelo kaj agrablaj vivkondiĉoj por la civitanoj. Estas preskaŭ neeble priskribi detale la tutan interesan informadon. Tial kiu deziru sin informi pri la moderna vivo en tiu lando legu «Faktojn pri Germanujo» (Liverejo: Franz Steiner Verlag, Wiesbaden, Bahnhofstr. 39).

*A. Salete*

*PATRINO KUN FUSILO. Nguj en Thi. Fremdlingva eldonejo Hanojo* 1966. *Formato* 9 x 13, 122 *paĝoj, broŝ. Prezo ne indikita.*

---

Ĉi tiujn librojn vi povas aĉeti ĉe la H.E.F. Libroservo. P.º Marina Moreno, 35, 4.º, dcha. ZARAGOZA.

# ĈU HISTORIO INTERESAS VIN?

La Internacia Lingvo estas utiligata por pli kaj pli da celoj tute konkretaj kaj difinitaj. Tamen la fundamenta celo restas plifaciligi la interkomprenadon de la homoj el diversaj lingvo-teritorioj kaj tiel kontribui al la interna kompreno inter la homoj. Evidentas ke unu el la multaj kaŭzoj de malsimpatio kaj malamikeco inter la popoloj estas la historia (mis-) konscio de la homoj. Se la personoj pli bone komprenu la *kutimojn, morojn kaj vidpunktojn de aliaj nacioj,* nepre necesas diskuti ankaŭ la pasintaĵojn, kiuj estas iuspecaj radikoj de nia nuntempa ekzistado; do necesas ke ĉiuj popoloj iom penetru en la historion de aliaj popoloj.

La —bedaŭrinde *nur kvar*— fakdelegitoj de UEA pri historio interkonsentis fine de januaro 1966 en neformala INTERNACIA HISTORIISTA FAKGRUPO (IHFG) diskuti historion, instruadon pri historio kaj surbaze de reciproka subtenado publikigi historiajn studojn en la Internacia Lingvo. La komence transprenitaj taskoj de la fakgrupo estas: difinado de historiaj nocioj kaj kompilado de terminaro (eventuale en *formo de historia leksikono*), kompilado de bibliografio pri faŝismo kaj fine preparado de eldonota historiista bulteno kaj eventuale historiistaj kajeroj.

La anoj de la IHFG alvokas ĉiujn personojn kiuj scipovas la Internacian Lingvon kaj aŭ estas profesiaj historiistoj aŭ hobie okupas sin pri historio (kaj ĝin rilatantaj aferoj) kunlabori, ĉu konstante, ĉu en iu difinita programero. La IHFG-anoj salutas ĉiajn instigojn kaj atentigojn pri terminologiaj problemoj, bibliografiaj indikoj, diskutindaj temoj k.t.p.!

La korespond-adreso de la INTERNACIA HISTORIISTA FAKGRUPO estas: d-ro E. J. Görlich, Postfach 70, 1094 WIEN, Aŭstrio.

---

## AKROSTIKO



*Adalberto de la Torre*



Estas la plej granda, nobla idealo;
Simbolo de paco, amo kaj kompreno,
Pro ĝi ĉiuj homoj vivos en Edeno
Elirontaj fine el ĉilarma valo.
Rasoj kaj nacioj, deziro revita,
Amasiĝos frate, sub la verda stelo.
Nun per nia lingvo kaj pacema celo,
Tutmonda konkordo estos atingita.
Orplena trezoro al ni oferita!...

---



La Prezidanto de H. E. F., kun la Vicprezidanto kaj la Sekretariino transloki is al Madrid, por pritrakti kun la madridaj esperantistoj, antaŭkongresajn laborojn.

La kunvenoj okazis en la sidejo de Madrida Esperanto Fervojista Asocio.

## *GABRIEL MORA ARANA*

Ni varme gratulas nian samideanon Gabriel Mora el Manresa pro liaj poeziaj venkoj en 1966a.

Li ricevis:

De Unesco-amikoj en Barcelona, Diplomon pro esperantlingva poemo pri Paco.

De Centro de Lectura (Reus la premion por Rozo-Poemo. )

De la konata konkurso de Lano-Placo en Barcelona «Violon».

De la Floraj Ludoj en Vilafranca del Panadés, «Violon».

De la Floraj Ludoj en Caracas (Venezuelo) «Violon». La lastaj kvar, en kataluna lingvo.

Ankoraŭfoje, tre koran gratulon al nia multmerita samideano!

## La Esperantista Kulturdomo KASTELO DE GRESILLON

Dum la Paskaj Ferioj, de la 28ª de Marto ĝis la 4ª de Aprilo,

## KULTURA SEMAJNO

Organizita de G.E.E., sub la aŭspicioj de la Franca Ministerio pri Edukado kaj de U.F.E. kun partopreno de elstaraj prelegantoj.

Programo: Pliprofondigo de la lingvokono per tekstoj; pedagogia inciado al instruo de la lingvo; kultura kaj arta aplikado de la lingvo.

Ekskurso al la Loire-valo la 2-an de Aprilo.

# Tago de Zamenhof



Gesamideanoj el Zaragoza dum la festo en Frateco



Sro. Mariano Cantalapiedra, per emociaj vortoj, dankas la donacon, kiu estas videbla sur la tablo

Komuna vespermanĝo (Prezidantaro)

TIP. C. BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7.-ZARAGOZA

D. L. Z. 375 - 63